13 Septembre 1908. | 13a Septembro 1908a. 92a NUMERO. | 13n September 1908.

SEPESMA YARO, Unesma numero.

DUONMONATALA GAZETO ESPERANTISTA.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE
Bi-Mensuel.

BELGISCH ESPERANTISCH BLAD
verschijnende twee maal per maand.

MEMBRO DI L' PROFESIONAL' UNIONO DI L' PERIODALA BELGA GAZETARO.

Affilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers.

DIREKTEYO: Redakto ed Administro,
10, rue Isidore Verheyden, BRUXELLES.

YARKOLEKTO: 6 FR.

KONTENAJO.



---

Imprimisto-Editisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## Ligue Espérantiste Belge. | Belgische Esperantische Bond.

### COMITÉ D'HONNEUR. EEREKOMITEIT.

MM. F. COCQ, Echevin de l'Instruction Publique, à Ixelles.
DUBOIS, Directeur de l'Institut Supérieur de Commerce d'Anvers.
le D[r] GASTER, Directeur de l'Allgemeine Deutsche Schule, Anvers.
le Sénateur HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
le Frère ISIDORE, de l'Institut Royal des Aveugles, Bruxelles.
le Sénateur LAFONTAINE, Bruxelles.

MM. A. LECOINTE, Ingénieur en chef honoraire de la Marine Belge, Bruxelles.
le Général LEMAN directeur des études, command. l'Ecole Militaire, Bruxelles.
J. MASSAU, Professeur à l'Université de Gand.
MOURLON, Directeur du Service Géologique de Belgique, Bruxelles.
O. ORBAN, Professeur à l'Université de Liége.
ERNEST SOLVAY, Bruxelles.

### COMITÉ EXÉCUTIF. UITVOEREND KOMITEIT.

*Président* (Voorzitter) : M. le Commandant CH. LEMAIRE.
*Vice-présidents* (Ondervoorzitters) : MM. VAN DER BIEST-ANDELHOF et LUC. BLANJEAN.
*Secrétaire Général* (Algemeene Schrijver) : M. JOS. JAMIN 10, Rue Isidore Verheyden, Bruxelles.
*Trésorier* (Schatbewaarder) : M. J. COOX, Bruxelles.

### MEMBRES (LEDEN)

élus par l'assemblée générale (gekozen door de algemeene vergadering).

M[elle] E. LECOINTE, MM[rs] LUC. BLANJEAN, JOS. JAMIN, CH. LEMAIRE, M. SEYNAVE, RAYM. VAN MELCKEBEKE.

### DÉLÉGUÉS DES GROUPES (GROEPEN-AFGEVEERDIGDEN).

**Anvers** (*Antverpena Grupo Esperantista*). MM. A. VAN DER BIEST, VERMEULEN.
(*La Verda Stelo*). MM. J.-B. ISTACE, FR. SCHOOFS.
**Berchem** (*Berchema Grupo Esperantista*). MM. AUG. DE LA HAYE, HAVERMANS.
**Boom** (*Boma Grupo Esperantista*). M[r] J. CLERBAUT.
**Bruges** (*Bruĝa Grupo Esperantista*). M. A.-J. WITTERYCK.
**Bruxelles** (*Pioniro*). M[elle] A. GUILLIAUME, M[r] O. CHALON.
**Charleroi** (*Karloreĝa Grupo Esperantista*). MM. L. DELVAUX, D. HEYNE.
**Huy** (*Grupo Esperantista*). M[r] A. THIRY.
**Ixelles** (*Bonveno*) M[elle] C. SIMON. L[t] M. CARDINAL,
**Laeken** (*La Semanto*). M[r] H. CALAIS.
**Mariaburg** (*La Verda Flago*). M[r] WILLEMSEN.
**Moresnet neutre** (*Amikejo*). M[r] CH. SCHRIEWER.
**Spa** (*Esperanto*). M[lle] TOMBEUR.
**Verviers** (*Esperanta Societo*). MM. ED. MATHIEU, H. PALMER.

*Membres de la Ligue.*

Cotisation annuelle . . . . . . . . fr. 1.00

Membres protecteurs (cotisation annuelle) fr. 10.00

Membres bienfaiteurs (cotisation annuelle) fr. 25.00

N. B. — Les membres protecteurs et bienfaiteurs reçoivent gratuitement l'organe officiel de la Ligue.

*Bondsleden.*

Jaarlijksche bijdrage . . . . . . . fr. 1.00

Beschermende leden (jaarlijksche bijdrage) fr. 10.00

Leden weldoeners (jaarlijksche bijdrage) fr. 25.00

N. B. — De beschermende leden en de leden weldoeners ontvangen kosteloos het officiëel orgaan van den Bond.

13 Septembre 1908. 13a Septembro 1908a. 92a NUMERO. 13n September 1908.

SEPESMA YARO, Unesma numero.




Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.

Membro di l' profesional' Uniono di l' Periodala Belga Gazetaro.

## GRAVA AVIZO.

De la unua septembro 1908 la direkcio kaj administracio de la ĵurnalo estas translokigitaj

10, RUE ISIDORE VERHEYDEN,

Bruxelles.

Ĉiuj gelegantoj niaj bonvolu noti zorge tiun novan adreson; uzo de la alia adreso povus prokrasti akuratan respondon.

Niaj korespondantoj kaj kunfratoj ankaŭ bonvolu noti tiun ŝanĝon; ni memorigas ke *La Belga Sonorilo* havas nenian reprezentanton kaj ke oni devas sin turni rekte al la direkcio pri abonoj, anoncoj, raportoj, k. c.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

Laŭ decido de la komitato de la Belga Ligo Esperantista, la ĝenerala sekretario sendis la sekvantan leteron:

Bruselo, 31an de Julio 1908.

*Al Sinjoro Doktoro L. L. Zamenhof, Prezidanto de la Konstanta Komitato de la Kongresoj.*

Tre estimata Sinjoro,

Je la nomo de la Komitato de la Belga Ligo Esperantista, mi havas la honoron proponi al la IVa Kongreso kaj al la Konstanta Komitato de la Kongresoj, Belgujon, kiel landon difinindan por organizi la VIan Kongreson dum 1910.

De nun, urbo Antverpeno estas elektita de la Belgaj Ligaj Grupoj kiel urbo, en kiu la Kongreso certe sukcesos, se la Esperantistaro akceptus tiun proponon.

Mi aldonas la leteron de la Antverpenaj Grupoj, pri kiu la Komitato de la Ligo decidis (*).

Volu akcepti, tre estimata sinjoro, la certecon de nia tuta sindonemeco.

Je l' nomo de la Komitato B. L. E.

La ĝenerala sekretario,
Jos. Jamin.

(*) Vidu nian numeron 90an, paĝon 325an.

## ĜENERALA KUNVENO DE LA LIGO.

Ĉiuj membroj de la Ligo kaj de la Ligaj grupoj ricevis specialan kunvokon por la ĝenerala kunveno de la Ligo ; por la sendo de ĝi al la membroj de la Ligaj grupoj ni vokis helpon de la sekretarioj de tiuj grupoj kaj dankas ilin.

Jen la kunvokanta karto :




### KUNVOKO.

*Bruselo, 1a de Septembro 1908.*

ESTIMATAJ GESAMIDEANOJ,

Ni havas la honoron inviti vin al la ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista, kiu okazos en Bruselo dum la dimanĉo

20a DE SEPTEMBRO

je la 10a horo matene en loko « Maison des Médecins » 17, Grand'place, Bruselo.

Ni aldonas al tiu ĉi invito la tagordon de la kunveno kaj ni esperas ke multo el vi alestos al tiu grava kunveno.

La membroj de la Ligo kaj de la Ligaj grupoj bonvolu konservi tiun ĉi karton, kiel pruvo de regula enskribo por voĉdono.

Volu akcepti, estimataj gesamideanoj, la esprimon de nia plej sincera sento.

POR LA KOMITATO :

*La Sekretario,* JOS. JAMIN, 10, rue Isidore Verheyden, Bruxelles.

*La Prezidanto,* Komto CH. LEMAIRE,

### Belga Ligo Esperantista.

ĜENERALA KUNVENO DUM LA DIMANĈO

20a DE SEPTEMBRO 1908.

—

*Loko: « Maison des Médecins »*

— Granda Salono de la unua etaĝo —

17, Grand'place, Bruselo

je la 10a horo matene.

— TAGORDO —

1e Protokolo de la ĝenerala kunveno de la 28a de Julio 1907.

2e Raporto de la ĝenerala Sekretario pri la agado de la Ligo dum la pasinta jaro.

3e Raporto de la Sekretario-kasisto kaj prezento de la bilanco.

4e Disdono de la diplomoj al la membroj, kiuj ricevis la ateston pri profesora kapableco.

5e Raportoj de la Ligaj grupoj pri ilia agado.

6e Ekzameno de la nuna interna situacio de la Ligo kaj de la ĝenerala nuna situacio de la lingva demando.

7e Baloto por elekto de ses membroj de la komitato (art. 7a de la Regularo) ; elirantaj membroj : Fraŭlino E. Lecointe, Sroj Ch. Lemaire, Luc. Blanjean, Jos. Jamin, M. Seynave kaj Raym. Van Melckebeke.

N. B. — Tiu ĉi karto, sendita de la Sekretarioj ĉu de la Ligo ĉu de la grupoj, utilos kiel pruvo de regula enskribo de la adresato.

## LINGUO INTERNACIONA.

En nia proksima numero, ni komencos praktikan kurson de la « *Linguo Internacia di la Delegitaro* » ; tiamaniere la gelegantoj de la ĵurnalo povos sciante kompari la Esperanton primitivan de la Fundamento (E. P.) kaj la Esperanton simpligitan (E. S.) de la Delegacio.

Ĉar la « *Linguo Internaciona di la Delegitaro* » uzas plenan alfabeton sen supersignitaj literoj, estos facila reprodukti tiujn artikolojn en ĉiuj naciaj ĵurnaloj.

Nur la amaso da tekstoj malebligis aperon de la unua leciono en tiu ĉi numero.

Dans notre prochain numéro, nous commencerons un cours pratique de la « Langue Internationale de la Délégation » ; de cette façon les lecteurs du journal pourront, en connaissance de cause, comparer l'Esperanto primitif du « Fundamento » (E. P.) et l'Esperanto simplifié (E. S.) de la Délégation.

La « Langue Internationale de la Délégation » emploie un alphabet complet sans lettres accentuées, conséquemment il sera aisé de reproduire ces articles dans tous les journaux du pays.

L'abondance des matières seule a empêché la publication de la première leçon dans le présent numéro.

## Letero malfermata al la S° Komandanto Lemaire.

Kara Komandanto,

La konsento, kiu regas inter ni pri aferoj multaj pli gravaj ol Esperanto, tute malhelpas ke demandoj lingvaj povu ĵeti eĉ umbreton sur nia (*sic*) amikeco (*sic*). Efektive, kio estas la nura malkonsento inter ni? Vi ŝatas la novan lingvon de la Markizo de Beaufront, lia (*sic*) nova (*sic*) eldono (*sic*) de Adjuvanto kiun li subskribis per la pseŭdonomo «Ido». Laŭ vi tiu lingvo estas belsona, logika kaj praktika. Male, laŭ mi, ĝi estas lingvo malagrabla malvira, bastarda kaj plena da difektoj gravaj. Jen certe malkonsento tute nekapabla kaŭzi malpacon inter du honestaj viroj.

Sed, amiko, post la legado de viaj du lastaj leteroj mi ne plu povas konsideri vin kiel Esperantisto (*sic*). Vi sincere deklaras ke laŭ vi «La lingvo de la Delegacio» estas absolute kaj radike supera al Esperanto ĝi estas « Esperanto *mis au point*» vi « batalos por via opinio ĝis la fino ». Vi laŭde citas la vortojn de korespondanto kiu nomas tiun lingvon « admirandan » (*sic*) kaj bedaŭras ke ĉiuj ne volu ĝin provi. Vi anoncas vian intencon enirigi grade tiun lingvon en la Belga Sonorilo post la Septembra monato. Do, laŭ mi, vi ne plu estas Esperantisto (ano de la lingvo de D^ro^ Esperanto) kaj la B. S. estos nur Belga eldono de « Progreso ». Mi vidas nenian diferencon inter tiuj du journaloj (*sic*).

Konsiderante viajn opiniojn tia ago estas via rajto, eĉ via devo. Batalu do kontraŭ la *nuna* Esp^to^, sed ataku principojn, ne detalojn. Kial ataki nian L. K.? Kial proponi la elekton de Akademio sendependa de la L. K.? Tio estas nur ruzo milita. Tia propono ne povas trafi celon praktikan. Efektive la *escensa* (*sic*) kondico (*sic*) de tia elekto estas ke ĉiuj grupoj de laEsperantistaro partoprenu en tiu elekto, ne vere(*sic*)? Vi certe konfesus keAkademio elektita nur de kelkaj grupoj ne havus aŭtoritaton por ĉiuj. Nu, estas certa (*sic*) ke la plimulto da grupoj rifuzos malrekoni, nescii la nunan L. K. rekonitan de D^ro^ Zamenhof. Frato Izidoro tiel klare montris tiun veron, kiam li petegis nin nenion fari *sen* aŭ *kontraŭ* la nuna L. K. sed male ĉion fari *per* la nuna L. K.

Mi konkludas: ĉar vi bone scias ke tiu elekto estas « hic et nune » ne ebla, vi volas per via propono nur ĵeti la konfuzon inter niaj rangoj kaj eble kauzi (*sic*) skizmeton almenaŭ en Belgalando Ĉu « le Jeu vaut la chandelle ? »

Por ke vi ne povos diri ke mi ne donas *lingvajn* argumentojn por mia prefero, mi aldonis ke laŭ mi la lingvo de la Markizo de Beaufront enhavas multajn difektojn, kiuj igas sian (*sic*) projekton tre malsupera al la genia lingvo de D^ro^ Zamenhof.

Jen *nur kelkaj* punktoj.

La duobla formo ĉe l' artikolo, la malbona kaj mallogika alfabeto (*via* propra alfabeto estus preferinda) la tri formoj de la pronomo ĉe la tria persono plurala, la malbonaj sanĝoj (*sic*) ĉe la verbo,la aĉa infinitivo per *ar*,la mallogika pluralo per *i* kaj la malapero de la karakteriza *o* substantiva, la pli ol 900 novaj radikoj, multaj tre malbone elektitaj fine, *kelkaj* reguloj por la derivado eraraj aŭ tro rigidaj. Mi ne estas sola tiel opinianta,mi povas citi por mia opinio kleruloj (*sic*) tiel kiel B. de Courtenay, Christaller, D^ro^ Mayor de Cambridge, de Saussure, Ĉefeĉ, Grabowski kaj lertaj (*sic*) esperantistaj (*sic*) tiel kiel Pichot (?), Bein kaj Frato Izidoro. Eĉ mi demandas nun se, krom de Beaufront kaj Couturat ekzistas *unu klera lingvisto kiu plene aprobas la Ida* (sic) *lingvo* (sic) *???*

Mi pretendas, kaj mi vane atendas la kontraŭprovon, ke la nuna Esperanto estas perfekta *en tiu senco* ke ĝi perfekte trafas la celon de L. I.: esti rimedo facila starigi rilatojn,buŝe kaj skribi(*sic*), inter homoj meze inteligentaj de ĉiuj landoj de la tero ». Ĉu vi kuraĝus nei tiun evidentan veron? Tia perfekteco tute kontentas min, alia perfekteco, laŭ mi estus tute ne necesa. Esperanto jam havas tiun sukceson, ĉu Ido *iam* atingos ĝin?

Fine mi protestas, kun nia Majstro la D^ro^ Zamengof en lia letero al M. Couturat, neniu havas la rajton rabi la nomo (*sic*) de D^ro^ Esperanto, ne estas honesta, mi kuragas *(sic)* eĉ diri estas *malhonesta.*

S° de Beaufront vane fanfaronis ke se ni akceptos sian(*sic*)lingvon nenia estonta reforma(*sic*) estus timenda. Vana fanfarono. Estus *jam* tre facila fari « *Ido-simpligita kaj plibonigita* (*sic*).

Via samideano en multaj ideoj sed tute ne pri Esperanto, tamen via sindona amiko ĉiam.

AUSTIN RICHARDSON.

MON CHER AMI,

Depuis près d'un an je n'ai cessé de réfuter, point par point, toutes vos objections au sujet des réformes que l'Esperanto doit subir pour le bien de l'idée de la langue auxiliaire.

Les lecteurs de *Belga Sonorilo* n'attendent plus de réfutation nouvelle aux assertions de votre lettre ouverte ; je fais publier celle-ci pour vous montrer, une fois de plus, combien vous vous trompez en m'attribuant un but caché; «ma conduite, dites-vous, est une ruse de guerre destinée à jeter la confusion dans les rangs des Espérantistes, du moins en Belgique ».

Voici ma réponse : « Demandez à Zamenhof qu'il « consente à ce que je publie les lettres qu'il m'a- « dressa en septembre 1907, avant que le comité « de la Délégation se fût réuni ; je publierais en

KARA AMIKO MIA,

De preskaŭ unu jaro, mi ne ĉesigis refuti, punkto post punkto, ĉiujn viajn kontraŭ-dirojn pri la reformoj, kiujn Esperanto devas toleri por la bono de la ideo de helpanta lingvo.

La gelegantoj de *Belga Sonorilo* ne atendas novan refuton de la pretendaĵoj de via malfermita letero ; mi publikigas tiun ĉi por montri al vi, ankoraŭ unufoje, en kia grado vi eraras, kiam vi aljuĝas al mi kaŝitan celon; « mia sintenado, laŭ vi, estas milita ruzo difinita por ĵeti la konfuzon inter la rangoj de la Esperantistoj, almenaŭ en Belgalando. »

Jen mia respondo : « Demandu al Zamenhof ĉu li « konsentus ke mi publikigu la leterojn, kiujn li « adresis al mi dum septembro 1907^a^ ; samtempe mi « publikigus miajn respondojn ; tiam oni vidus ĉu

« même temps mes réponses ; on verrait alors si « j'ai, un seul instant, laissé planer le moindre doute « sur mes opinions et sur ce qui serait ma conduite; « vous verriez aussi combien vous êtes injuste en « m'attribuant un manque de franchise. »

Ceci dit, j'ajoute que j'ai nettement exprimé,dans *Belga Sonorilo,* que je serais avec les Espérantistes s'ils appliquaient immédiatement les Règles de dérivation, avec toutes leurs conséquences ; sinon je combattrai pour forcer la main aux « chefs espérantistes » qui foulent aux pieds la haute idée que j'entends défendre en conscience, sans compromission d'aucune espèce, avec personne.

J'aurais voulu garder le groupe espérantiste belge conscient de sa dignité ; le soustraire aux influences occultes des « intéressés », lui faire revendiquer toute indépendance pour lui comme pour tous les autres groupes nationaux.

J'ai travaillé au grand jour, dans *Belga Sonorilo* comme dans les réunions de la Ligue belge, alors que d'autres agissaient dans l'ombre.

Je continuerai de même, et je pousserai de tous mes moyens aux réformes que les articles de *Belga Sonorilo* ont montrées indispensables.

Vous m'avez écrit que vous emploieriez tous vos moyens pour provoquer les désabonnements à *Belga Sonorilo.*

Je vous ai répondu que vous faisiez erreur en me prenant pour un de ces besogneux qui compromettent la beauté de notre idée, et la confondent avec la diffusion des « aboniloj ». J'ai ajouté que de telles menaces, en ce qui me concerne, ne pourraient qu'avoir un résultat opposé à celui qu'elles atteignent quand on les fait aux « journaleux » de tout poil et de toute plume.

Encore un mot : vous croyez qu'il est malhonnête d'employer l'expression « Esperanto mis au point. »

Zamenhof a-t-il donc retiré sa déclaration de jadis :

« mi enkondukis, eĉ momente, ian dubon pri mia« opinioj kaj pri kio estus mia sintenado ; vi tiel « vidus en kia grado vi estas maljusta aljuĝante al « mi mankon de sincereco. »

Tio dirita, mi aldonas ke mi klare esprimis, en *Belga Sonorilo*, ke mi estus kun la Esperantistoj, se ili aplikadus tuje la regulojn pri deveno, kun ĉiuj iliaj konsekvencoj ; se ne, mi batalos por devigi la « Esperantistajn ĉefojn » kiuj tiele ofendas la altan ideon kiun mi intencas defendi, konscience, sen kompromiso de ia speco kun ia persono.

Mia intenco estis konservi al la Belga Esperantistaro sian konscian memestimon ; forkonduki ĝin for la kaŝemaj influoj de la « interesatoj »; montri ke ĝi devas postuli plenan memstarecon por si mem kiel por ĉiuj aliaj naciaj grupoj.

Mi laboris malkaŝe, en *Belga Sonorilo*, kiel en la kunvenoj de la Belga Ligo, kiam aliuj agadis en ombro.

Mi same daŭrigos, kaj mi laboros per ĉiuj rimedoj por la reformoj, kiujn la artikoloj de *Belga Sonorilo* montris tute necesaj.

Vi skribis al mi ke vi uzos ĉiujn rimedojn por okazigi malabonojn al *Belga Sonorilo.*

Mi respondis al vi ke vi eraris opiniante ke mi estas unu el tiuj laborantaĉoj kiuj domaĝizas la belecon de nia ideo kaj ĝin miksas kun la disdono de « aboniloj ». Mi aldonis ke tiaj minacoj, pri mi mem, povus nur ricevi rezultaton tute malsimilan al tiu, kiun oni ricevas kiam tiaj minacoj sin turnas al « ĵurnalistaĉoj de ĉia lano kaj ĉia plumo. »

Ankoraŭ unu vorto : vi opinias ke uzo de la esprimo « plibonigita Esperanto » estas malhonesta.

Ĉu Zamenhof reprenis sian antaŭan deklaracion:

« Esperanto estas nenies propraĵo, nek en rilato materiala nek en rilato « morala. Materiala mastro de tiu ĉi lingvo estas la tuta mondo ».

Vous n'étiez pas Espérantiste, mon cher ami, quand Zamenhof faisait cette noble déclaration.

C'est pour cela que vous en tenez si peu compte.

Si Zamenhof retirait cette déclaration, il tomberait au rang des mercantis capables de tous les abus de confiance.

La Délégation choisira le nom le meilleur pour l'idée qu'elle défend ; je regretterai que le mot Esperanto doive être changé. Mais cela ne saurait empêcher que la langue de la Délégation, pour ceux qui savent, est bien l'Esperanto mis au point.

Aucun sentiment au monde ne peut changer un fait ; et c'est avec des faits qu'on établit les vérités humaines.

Vous savez que j'excuse tout de votre ardeur de néophyte, car je sais votre plein désintéressement, et j'ai plaisir à me dire cordialement votre ami.

Comm[t] LEMAIRE CH.

P. S. — Si j'ai laissé les erreurs d'accents et d'accusatifs de votre lettre, c'est pour continuer à vous montrer la nécessité des réformes.

Pardonnez cet argument « ad hominem ».

Vi ne estis Esperantisto, kara amiko mia, kiam Zamenhof faris tiun noblan deklaracion.

Tiakaŭze vi atentas ĝin malmulte.

Se Zamenhof reprenus tiun deklaracion, li falus je la rango de la « vendistaĉoj » kapablaj fari ĉiujn trompojn.

La Delegacio elektos la nomon la plej taŭgan por la ideo kiun ĝi defendas ; mi bedaŭros la ŝanĝon de la vorto « Esperanto ». Sed tio ne povus malhelpi ke la lingvo de la Delegacio, por tiuj kiuj scias, estas vere « plibonigita Esperanto ».

Nenia sento, en mondo, povas ŝanĝi fakton ; nur kun faktoj oni starigas humanajn veraĵojn.

Vi scias ke mi senkulpigas vian fervoron de nova samideano, ĉar mi konas vian plenan malprofitemecon, kaj plezure mi restas kore via amiko.

Komandanto LEMAIRE CH.

P. S. — Mi ne forigis viajn erarojn pri akcentoj kaj akuzativoj nur por ankoraŭ montri al vi kiel necesaj estas la reformoj.

Pardonu tiun argumenton « ad hominem ».




## KOMEDIO EN UNU SCENO.

Vetero fulmotondrema. En ĝardeno, ĉirkaŭ dudekjara arbo fruktodona sed videble malsana, interdisputas fruktovendistoj (F.) kun arborikulturistoj (A.) ; tiuj ĉi proponas anstataŭi la malsanulon per juna fortika arbeto ; la aliaj fosas sulkon ĉirkaŭ ĝi, kredeble por akvumi ĝin.

F. — Certe, sen ia dubo, ĝi estas malsana. Sed tamen ĝi vivas kaj jam donis belajn florojn kaj ŝatindajn fruktojn. Do oni ne ektuŝu ĝin ! Iom post iom....
A. — Yes, ol donis kelke flori e frukti, sed....
F. — Kian malplaĉan al ni lingvaĵaĉon, vi....
A. — Permisez, kad *acho* trovesas en la Fundamento ?...
F. — Tute ne, ni aldonis ĝin. La Majstro, kiu estas neerariĝebla, diris ke ĉiu rajtas same agi laŭ sia bonplaĉo.
A. — Ha ! sed...
F. — Sed, kvankam ni vin komprenas tre facile, parolu nur, pro disciplino, kaj malgraŭ ĉio, parolu ĉiam kaj ĉie nian karan kaj belsonan lingvon.
A. — Yes, ni provos. Via arboro....
F. — Arbo !...
A. — Esas ne-remedyeble mortonta....
F. — Silentiĝu !...
A. — Quale ni povus ijar silenco ?
F. — Nenion plu demandu ! Ni devas nenion kompreni, krom fosi nian sulkon ĉirkaŭ nia fruktodona arbo.
A. — Kompatinda amiki ! Yes, *via sulko divenos foso*, segun quon vu intencas nekoncie, sed evidente en ita foso via arboro enterigos su ipsa !
F. (ŝtopante al si la orelojn, kantadas laŭtege) — Fideli, fidela, fidelo.....
A. plantas sian arbeton, dum ke F., rikanante, iras trankvile sian vojon.

IRGU.

## BATO DE SONORILO.

S^ro Ramon Limones, en ĵurnalo « Verda Stelo » sinokupas pri ni, kaj en longa artikolo li disvolvas la temon : « La Belga revuo jen estas sonorilo, jen bombardilo, laŭ la okazo ». La artikolo estas tro longa kaj tro malmulte interesa por ricevi honore la represigon.

Tamen, kvankam Belga Sonorilo ne ofte akceptas poezion, ni deziras surdigi nian legantaron, laŭ konsilo de « Verda Stelo » per la sekvantaj pafsonoradoj (?) al ni dediĉitaj :

Por Couturat luteran',
*Tantalan'* !
Por la reforma doktrin',
*Tintilin'* !
Por detruonta propon',
*Tontolon'* !
Jen de l' bronzaĵo la son' !

—

Kontraŭ Moresneta plan',
*Pinponpan'* !
Reicher maldormigas ĝin,
*Panponpin'* !
Ĝin trapikas nia ton',
*Pinpanpon'* !
Iĝas la bronzo kanon' !

Tion oni kantas per meksika arieto. Ramon', la bombardilo dankas vin.

Pri la ritmo niaj legantoj ne estu severaj, eble la novbakita Ramon' ne ankoraŭ ricevis la fundamentistajn regulojn pri ĝi.

Ne facile oni komprenos la enigman sencon de la kanto, precipe S^ro Reicher la fama aktoro, kiu tiel bone sukcesis en Dresden, miros kiam li sciiĝos ke li maldormigas (!!) Moresnetan planon (?).

Sed tio ne povas haltigi versiston tiel fidelan.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

### KELKLINIAJ NOVAĴOJ.

Esperanto estas enskribita inter la temoj, pri kiuj sin okupos la Granda Kongreso Scienca Tutamerika kiu okazos, sub la aŭspicoj de la Registaro de Chilo, en Santiago de la 25^a de Decembro ĝis 5^a de Januaro proksimaj.

Brusela ĵurnalo, raportante pri baldaŭa fondo de internacia teatro en Moresnet, sciigas ke la fama oratoro Esperantista Privat, kiu estas reveninta el Ameriko, intencas fari serion da paroladoj pri tiu projekto en la tuta Eŭropo !

La ĵurnalo « Le Matin » el Antverpeno ricevis kelkajn tre interesantajn leterojn de speciala kores-

pondanto en Dresden dum la Kongreso. Laŭ nia sciigo, kun la ĵurnalo «La Métropole» ili estas la solaj ĵurnaloj, en Belgio, kiuj ricevis senperajn sciigojn.

La Centra Dana Esperantista Ligo eldonis belan Ilustritan Gvidlibreto pri Kopenhago. Multaj Esperantistoj, post Dresden, sindirektis al la Dana ĉefurbo kaj tiel ricevis, Esperante, plenan sciigon pri la bela urbo, kiun li vizitis.

Sro Louis Démarest, instruisto en Forécariah, apud Konakry (Franca Gvineo) « Okcidenta Afriko » intencas fondi Ligon Esperantistan por la Internaciaj Rilatoj de Instruistoj. La projekto meritas seriozan atenton de niaj geinstruistoj de unuagradaj (popolaj) lernejoj.

La XVIa Kongreso universala de la Paco, konsiderante siajn antaŭajn decidojn, esprimis la deziron ke Esperanto estu instruita en la lernejoj kiel « Lingvo Helpanta Internacia » kaj komisiis la Internacian Oficon de la Paco transdoni tiun deziron al la diversaj Registaroj.

Dum la dimanĉo 9a de Aŭgusto, la Grupo Esperantista de Boulogne s/Mer, festis la resanigon de Sro Michaux, ĝia simpatia Honora Prezidanto, kiu, dum kelkaj monatoj, estis tre danĝere malsana.

La Svisa Esperanta Societo, kiu kunvenis dum la 5a Julio en Berne, akceptis, per granda plimulto, kelkajn proponojn tute « fundamentajn ». Eĉ ĝi decidis ke la anoj de la Societo ne havas la rajton propagandi alian lingvon ol tiu, kiun ĝi nomas « Zamenhofa ». Ni devas aldoni ke la Prezidanto kaj la Sekretario de la Societo, Sroj Schneeberger kaj Renard, ambaŭ de la Lingva Komitato, voĉdonis kontraŭ tiuj proponoj.

Tiun sintenadon de liberaj homoj ne akceptis la ĵurnalo de la Fundamentistoj kaj « Lingvo Internacia » ĵetas anatemon al ili, ĉar ili sin prezentis por la fama Akademio.

La komercistoj kaj industriistoj bonvolu sendi sian plenan adreson kaj ĉiujn informojn, precipe pri la komerco aŭ industrio, al la Sekcio Industria kaj Komerca de la Esp. Grupo Pariza, *21, rue de l'Arbre Sec*, Paris. Tiu sekcio intencas publikigi adresaron specialan laŭ la profesioj; la enskribo estas senpaga.

Ni ricevis tre artan afiŝon pri la Foiro de Valencia (Hispanio) kun Esperanta traduko. La afiŝo estas tre bela kaj certe rikoltos por ĝi sukceson kaj por nia kaŭzo ĝi vekos intereson.

En la ĵurnalo « Stelo Kataluna » ni legis, sub la rubriko « Belgujo » ke nova klubo fondiĝis en Tungra. Sensukcese ni klopodis trovi tiun strangan urbon en niaj geografiaj libroj. Vane ni serĉis. Eble la « natura evolucio » aliformigis ian nomon ?

La voĉdonado por renovigo de parto de la Komitato ĉe la Franca Societo por la propagando de Esperanto donis la sekvantan rezultaton : Voĉdonantoj 1194. Sroj Evrot (1148), Tarbouriech (1136), Broca (1131), Th. Cart (1116) Saquet (778), Noël (776) kaj Muffang (760) estas elektitaj. La antaŭaj Komitatanoj Sroj Michaux (432), Bel (386) kaj Jamin (373) estas forigitaj el la Komitato. Oni povas facile profeti ke tio estas la signo de baldaŭa malapero de tiu Societo, kiu multe klopodis, sukcese, por la Ideo de Internacia Helpanta Lingvo.

MOZANO.

## IVa INTERNACIA KONGRESO DE ESPERANTO en DRESDEN.

Kiam en Cambridge la germanaj esperantistoj akceptis, iom hezite, organizi la 4an Kongreson, kelkaj samideanoj dubis pri la sukceso: oni ja sciis ke la tero germana ne estis tre favora kaj eĉ oni ŝajne antaŭvidis altan, potencan kontraŭstaron ; plie jam en tiu tempo oni antaŭsentis malfacilaĵojn en la kampo lingvistika... Pro tiuj diversaj motivoj, oni ĝenerale opinis ke la tasko kvazaŭ altrudita al Germanujo estis tro granda. Ni rapidu diri ke iom post iom la oficialaj avizoj publikigitaj de « *Germana Esperantisto* » malaperigis tiun impreson kaj ke plej granda espero eniris en la korojn.

Tutprave, laŭ mi, oni povas deklari ke la ĵus okazinta kongreso egalvaloras la antaŭajn, eĉ ĝi eble superas ilin.

Ĉar la lasta ĉiujara kunvenego de esperantistoj komenciĝis dum periodo de religiaj festoj, la kongreso malfermiĝis per Diservoj, ĉu katolikaj, ĉu protestantaj. Tutsame kiel en Cambridge, amaso da samideanoj ĉeestis tiujn piajn ceremoniojn, kaj oni raportas ke la predikoj tre interesis la aŭskultantojn. Nia fervora samurbano, abato Richardson tre multe klopodis por ke lia agado estu vere fruktodona; li atingis plene la esperitan rezultaton.

***

Jam de l' antaŭa tago de l' oficiala malfermo de l' Kongreso alfluas al Dresdeno kvazaŭ riverego de verdsteluloj. Ili tuj direktas sin al la Teknika Lernejo kie troviĝas la akceptejo. Granda salono, grandega aro da Samideanoj ! Tie, estas kvazaŭ zumanta abelujo ! Ĉiu rapidas por ricevi la necesajn dokumentojn aŭ informojn. Tre afablaj fraŭlinoj aŭ servemaj sinjoroj penas por kontentigi ĉiujn kaj, dank' al flua uzo de la lingvo, oni perdas nenian tempon : la klarigoj estas ĉiam taŭgaj, precizaj. Tiu fako de l' Kongreso estas bone organizata.

Kiam ni eniras la salonon, ni tuj ekvidas Sron Dron Mybs, soldaton sur sia posteno. Rapide kaj per malmultaj vortoj ni kore salutas kaj gratulas lin pro liaj senĉesaj laboradoj.

En apuda salono estas ekspozicio kaj vendejo de libroj, flagoj, ĉiujspecaj objektoj, k. t. p. Tre multe da vizitantoj kiel ankaŭ da aĉetantoj ĝi ricevos dum la kongresa semajno !

Elirante el la Teknika Lernejo, la Kongresanoj sin direktas al ĉiuj partoj de la urbo, ĉu piede, ĉu tramveturile. La tramveturiloj surhavas grandan afiŝon : « *De kaj al la Kongresejo* ». La urbo Dresdeno al kiu apartenas tiuj veturkomunikilojn permesis ĝian senpagan uzadon al la esperantistaro.

Tra la belegaj stratoj de Dresdeno promenadas aroj da samideanoj; multaj flagoj gaje flirtas ĉe la fenestroj de hoteloj kaj de privataj domoj; ĉiu Kongresano portas la verdan steleton kaj la insignon de l' Kongreso; eĉ baldaŭ preskaŭ ĉiuj havos standardeton en la butontruo aŭ ĉe l' ĉapelo.

***

Sed jen la tago de l' oficiala malfermo!

Dro Zamenhof estas oficiale akceptata en la Teknika lernejo; aŭtomobiloj kondukas lin kaj lia sekvantaro al la « *Vereinshaus* » kie jam la antaŭa tago okazis koncertoj.

La salonego estas mirinde belega. Ĉie flagoj esperantistaj kaj flagoj diversnaciaj; oni ja memoras ke la oficialaj reprezentantoj de fremdaj landoj en Dresdeno decidis pruntedoni sian nacian standardon por la internacia festego.

La vidaĵo estas rava kaj jam longatempe antaŭ la eniro de Dro Zamenhof ne plu estas eble havigi al si eĉ plej malgrandan liberan lokon.

Fine ekfrapas la solena horo kaj aliras la scenejon Dro Zamenhof, la delegitoj de l' Reĝo de Saksujo, de l' Ministroj de publika instruado kaj internaj aferoj, la urbestro de Dresdeno, la oficialaj delegitoj de Japanujo, Usono, de urbestraro de Barcelono kaj de l' provinca konsilistaro de Katalunjo, la Kvaro por la Kvara, kaj la multnombraj delegitoj kiuj parolos je la nomo de ĉiuj lingvoj aŭ nacioj reprezentataj en la Kongreso.

Senfina, varma, kvazaŭ tondra aplaŭdado skuas la murojn; nur la himno « *L'Espero* » povis ĉesigi tiun kortuŝan manifestacion.

***

Kolonelo Pollen, el Londono, prezidanto de l' Kembriĝa Kongreso, malfermas la kunsidon kaj tuj transdonas la prezidantecon al Dro Mybs el Hamburgo.

Tiu ci dankas la Reĝon de Saksujo pro tio ke li akceptis preni sur sin la protektadon de l' kongreso; li ankaŭ dankas ĉiujn aŭtoritatojn helpintajn al la efektivigo de tiu grava internacia festo.

Poste, je l' nomo de l' Ministroj de publika instruado kaj de internaj aferoj, Sro Lange, intima konsilisto, parolis laŭde pri Esperanto, « lingvo kies « celo estas la unuiĝo de ĉiuj popoloj de l'terglobo». Je l' nomo de l' ŝtatestraro li deziras plenan sukceson al la kongreso.

Siavice, Dro Beuthler, unua urbestro de Dresdeno bonvene salutas la kongresanojn je l' nomo de l' urbestraro kaj de l' urbloĝantaro. Samtempe li insiste montras la altvaloron de lingvo internacia, dua kaj sama por ĉiuj.

Fine, dum solena silentado, Dro Zamenhof, legas laŭte, klare kaj firme sian paroladon. Eble pro la negaja temo elektita la aplaŭdoj, kvankam longaj, ne ŝajnas al ni tiel varmaj, tiel entuziasmeplenaj kiel en la aliaj kongresoj.

Por finigi tiun unuan kunsidon, la delegitoj oficialaj kaj neoficialaj transdonas al la kongreso la saluton de sia registaro, nacio aŭ samlingvanaro, sed ĉar tre granda estas la nombro de l' parolontoj kaj ankaŭ pro tio ke multaj el ili paroladas senmezure kaj pri flankaj aferoj, oni ne povas permesi ke ĉiuj parolu; la ceterajn delegitojn oni povos aŭdi la sekvantan tagon.

***

Kelkaj « *agadaj* » kunsidoj okazis dum la postaj tagoj. Ni ĉeestis ĉiujn kvankam ofte ili estis neinteresaj. Dum unu el tiuj kunsidoj oni anoncis gravan komunikaĵon: oni certigas ke Sro Boirac, prezidanto de l' lingva komitato havas ion eksterordinaran por sciigi al la esperantistaro. Efektive, Sro Boirac legas deklaron: ĝian esencon oni povas esprimi kiel sekvas: *nek la fundamento nek la Lingva komitato estos baro al la natura evolucio de Esperanto.*

Nenio nova sub la suno! (*)

(*Daŭrigota*) LUCIEN BLANJEAN.

Sro Luc. Blanjean, kiu bonvolis raporti pri la Kongreso estas ĵus reveninta en Bruselo kaj daŭrigos sian raporton en nia proksima numero.

Ni aldonos ke dum la solena malfermo de la Kongreso, Sroj L. Blanjean kaj A. Van der Biest, ambaŭ vicprezidantoj de la Belga Ligo Esperantista, salutis Dron Zamenhof kaj la Kongresanojn je la nomo de la Belgoj, Sro Blanjean precipe je la nomo de la france parolantoj kaj Sro Van der Biest je la nomo de la Flandranoj. Ĉeestis ankoraŭ en Dresden dum la IVa Kongreso, Fraŭlinoj Guilliaume, Lecointe kaj Moreau, Sroj Chalon kaj abato A. Richardson (Bruselo) Sroj Van Schoor, Cuvelier kaj De Keukelaere (Antverpeno) kaj Paul Blaise (Loveno).

(*) El tio ni povas konkludi ke nia amiko kaj malnova samideano L. Blanjean ne estas kandidato al la nu a Lingva Komitato, malgraŭ la diversaj lertaj proponoj, kiujn li ricevis flanke. Jam de 22 jaroj li interesiĝas al Ideo de Internacia lingvo kaj de ĉirkaŭ 10 jaroj, li defendas Esperanton, al li ni havas fidon kaj nek belaj paroloj aŭ tro belaj kantoj de fideleco povus lin forlogi el la rekta vojo kiu sin direktas al triumfo de la Ideo.

*La Redakcio.*

# KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Antwerpen.** — *La Verda Stelo.* Deze ijverige maatschappij richtte op 19n Juli l. l. een uitstapje in naar Mariaburg, waar zij door de nieuw gestichte groep La Verda Flago werd opgewacht. Een vijftigtal Antwerpsche esperantisten, tot de drie groepen behoorende, hadden er zich bij aangesloten.

De ontvangst bij de Mariaburgsche geestverwanten was zeer hartelijk. Na de gebruikelijke welkomgroeten maakte men eene wandeling door het

**Antverpeno.** — *La Verda Stelo.* Tiu ĉi fervora societo organizis je la 19a de Julio lasta ekskurson al Mariaburg'o, kie ĝi estis atendata de la novfondita grupo la Verda Flago. Kvindeko da Antverpenaj esperantistoj, apartenantaj al la tri grupoj, partoprenis en ĝi.

La akcepto ĉe la Mariaburg'aj samideanoj estis tre kora. Post la kutimaj bonvenaj salutoj oni fa promenadon tra la pentrinda vilaĝo kaj oni foto-

schilderachtige dorp en liet men zich in groep fotografieeren. Een puik concertje werd in het hotel St Antoine geïmproviseerd, waar zich deden toejuichen Mevrouwen Claessens en Swagers, de heeren Ch. Janssens en Vlaeminckx. Mej. De Jaegher en de heer Heinz begeleidden recht talentvol de verschillige zangstukken op het klavier.

Het was een vroolijk samenzijn, waarvan de deelnemers een aangename herinnering zullen bewaren.

**Mechelen.** — Zouden de Mechelsche esperantisten ontwaken ?

Ziehier wat wij lezen in het maandblad dier stad *Onze Belangen*, nummer van 26n Juli :

« Met genoegen melden wij dat Leeraar Van Peteghem, voorzitter der Mechelsche esperantische groep, een kosteloozen leergang der nieuwe handelswereldtaal Esperanto zal beginnen, Dinsdag aanstaande, ten 8 uren, in « de Kraai » O. L. Vrouwstraat.

« Onze vurigste wenschen vergezelden het welgelukken dier poging ».

De Mechelsche vrienden ontvangen ook de onze!

grafiĝis sin grupe. Ĉarma koncerteto estis improvizata en la hotelo St Antoine, kie sin aplaŭdigis Sinoj Claessens kaj Swagers, Soj Ch. Janssens kaj Vlaeminckx. Finoj De Jaegher kaj Sro Heinz akompanis plej talente la diversajn kantojn per fortepiano.

Estis tre gaja kunesto, pri kiu la partoprenantoj konservos agrablan memoron.

**Meĥleno.** — Ĉu la Meĥlenaj esperantistoj vekiĝus? Jen kion ni legas en la monata revuo de la tiea urbo *Onze Belangen* (Niaj Interesoj), numero de la 26a de Julio :

« Plezure ni sciigas ke Profesoro Van Peteghem, prezidanto de la Meĥlena grupo esp rantista, maltermos SENPAGAN kurson pri la nova komerca internacia lingvo Esperanto, proksiman Mardon, je la 8a vespere en la kafejo « de Kraai » (la Korniko) Dipatrinostrato.

« Niaj plej fervoraj bondeziroj akompanas la sukceson de tiu klopodo ».

La Meĥlenaj amikoj ricevu ankaŭ niajn !

**Ixelles.** — La juna grupo « Bonveno » kvankam nur 3 monata de la 3a de julio, jam tre kontentige prosperis. Kelktage post ĝia fondiĝo, Fino Simon rekomencis sian kurson sub patronado de la Urbestraro, kaj instruis tiel agrable la lingvon ke, ne nur ĉiuj unue enskribitaj lernantoj ĉeestas regule la lecionojn, sed eĉ novaj varbitoj plinombrigis la komencintojn. Kvankam la kurso okazas 2 foje ĉiusemajne, parto el la gelernantoj partoprenas ankoraŭ la semajnajn grupkunsidojn, kio jam montras ke tiuj ĉi fariĝis tuje altirantaj kaj instruantaj.

Efektive ili ĉefe konsistas el traduko de agrablaj temoj, amika diskutado pri ĉiuspecaj demandoj, divenotaĵoj, ŝercoj k. c.

Okazis kelkaj tre interesaj paroladetoj, nome:

So Lto Blaise priparolis tre sprite ĉarmajn aventuretojn dum ia fiŝkaptado per dinamito, kiu okazis en la inĝeniora Antverpena laboreja kampo.

Sro Minon, juna adepto, lerte rakontis kortuŝantan legendon pri marborda lumturo.

Sro Viselé ridegis la aŭdantaron dum duonahoro, pritraktante en stilo neriproĉinda pri la neforigebla movemeco de la virinaj langoj.

Sro D'Haenens, nia sindonema vicprezidanto kaj unu el la plej laboremaj grupanoj, inter aliaj komunikaĵoj, konigis raporton de li adresita al Sro Cocq, skabeno de Publika Instruado kaj honora membro de B. L. E., post kaj pri vizito de Esperantista Finlanda Instruisto nomata Zamppa Luoma, kiun li kondukis en diversaj lernejoj Ikselaj, kaj kiun komisiis sia estraro por efektivigi esploran vojaĝon en okcidenta Europo, de kiu la celo estas kompari la konstateblajn metodojn pri edukado kaj instruado en diversgradaj edukejoj.

Rimarko grava: Sro Zamppa Luoma nur interrilatis per Esperanto, kaj sekve lia vizito estis tre taŭga okazo por nia propagando.

**Bruxelles.** — La Bruselaj samideanoj ricevis kelkajn vizitantojn dum la aŭgusta monato.

Sro Grabowski, prezidanto de la Pola Societo kaj unu el la unuaj Esperantistoj, renkontis en Bruselo Sron Doktoron Cunningham el Cambridge, unu el la Trio kiu organizis la Trian Kongreson. Kelkaj amikoj akceptis vespere niajn gastojn, ambaŭ famajn ; bedaŭrinde la tempo mankis en tiu ĉi libertempo por organizi akcepton de la grupoj.

Ĉe la « Internacia Kongreso de la Dentistoj » Sro Cunningham prezentis proponon, kiu permesus oficiale akcepti Esperanton kiel lingvo uzebla dum la Kongresoj. Sro leŭtenanto Cardinal elmontris ke la dirita Kongreso de la Dentistoj estis praktika pruvo de la neceseco de helpanta internacia lingvo, ĉar multajn gravajn raportojn oni tradukis en diversaj lingvoj, sed la diskuto ne estas ebla sen longaj kaj tedemaj tradukoj. Sro Cardinal tre klare montris la ĉefajn kvalitojn de Esperanto, de gramatikon kaj internaciecon de la vortaro.

Konklude, la Kongreso de la Dentistoj unuavoĉe akceptis la proponon de Dro Cunningham.

— Preskaŭ ĉiuj ĵurnaloj raportis pri la Kvara Kongreso, almenaŭ la mallongajn sciigojn de la Agencoj. Kelkaj el ili rebatis la demandon kaj enlokigis artikolojn jam centfoje refutitajn ; nur ili prezentis argumentojn, kiuj povis ŝanceliĝi la legantojn antaŭ dek jaroj sed de nun la ĝeneralan demandon pri Internacia lingvo povas nur diskuti tiu, kiu plene ĝin konas. La skribantoj de la artikolo pruvis ke ili ne konas eĉ unu vorton de la demando. Ni ne povas akcepti diskutadon kontraŭ nesciantoj ; la Esperantistoj havas pli taŭgan mision.

**Spa.** — La grupo Esperantista daŭrigas sian propagandon dum la bansezono. Sro komandanto Ch. Lemaire paroladis dum la 7a de Septembro. Pri tio ni raportos en proksima numero.

**St.-Trond.** —La sabaton 5an de Julio, aro da samideanoj de la grupo « Excelsior » el St.-Trond, direktita de R. Patro Decoene, prezidanto, ekveturis al Italujo, kie ili vizitos Milano, Venezio, Romo, Napolo, k. c. Antaŭ ilia forveturo, niaj amikoj kunveniĝis en tagmanĝo en Bruselo kaj invitis ankaŭ kelkajn samideanojn. Ĉeestis Sro L. Blanjean, vicprezidanto de la Ligo kaj prezidanto de la loka grupo « Pioniro » Sro Jos. Jamin, Sekretario de la Ligo kaj Sro Braŭer, prezidanto de la grupo « Stelo Matena » el St.-Trond. Post la festeneto, Patro Decoene anoncis ke la grupo uzos la lingvon Esperanton dum ĝia tuta vojaĝo kaj eĉ komencis en Bruselo; Sro Blanjean elokvente deziris bonan vojaĝon al la pioniroj de nia kaŭzo kaj gratulis ilin pri ilia intenco. Tiuj junaj membroj de la grupo « Excelsior » sukcesis en ekzameno starigita de la loka grupo kiel anoncas al ni la sekvantan tekston, elĉerpitan el loka flandra ĵurnalo:

De Esperantische groep *Excelsior*, Studentenafdeeling onzer Aloysianen, heeft, onder 't bestuur van den Eerw. Pater Decoene, snellen vooruitgang gemaakt. 18 leden hebben met veel vrucht het bekwaamheidsexamen afgelegd en onlangs zelfs het eerste examen van 't professoraat. Het Esperantocomiteit van Brussel, om hunnen iever te beloonen, heeft hen in de gelegenheid gesteld, de Reis naar Rome, ingericht door de *Katholieke Wachten van België*, op zijne kosten in 2de klas mede te maken. Voorwaar, eene prachtige belooning, die hen zal aanwakkeren zich meer en meer in de taal te volmaken.

Se ni lerte tradukas, ni sciiĝas ke ia komitato pri Esperanto en Bruselo, por rekompensi la lernantojn, prenis sur sin la elspezojn de la vojaĝo. Ni ne konas tiun malavaran komitaton, pri kiu parolas la artikolo (*Esperantocomiteit van Brussel*), sed por eviti bedaŭrindan konfuzon, ni povas certigi al niaj gelegantoj ke, nek rekte nek flanke, la komitato de la Belga Ligo Esperantista oferis eĉ unu centimon por tiu vojaĝo.

---

## Pri reformo de Esperanto.

(SEKVO).

*Multenombro.* « Por ke ia lingvo fariĝu internacia, ne sufiĉas nur doni al ĝi tiun nomon ». Jen estas la devizo presita sur la kovrilo de l' unua lernolibro de « Dro Esperanto » (Dro L. L. Zamenhof). Tiu opinio, teorie kaj praktike ne atakebla, gvidis la aŭtoron de nia lingvo; ĝi estas nun akceptata de ĉiuj kompetentuloj kaj pro ĝia apliko Esperanto tiome superas la arbitran Volapük, ke eĉ favoraj ties propagandistoj fariĝis niaj samideanoj, konvinkiĝinte pri neebleco disvastigadi alian lingvon ol tian, kiu principe uzas la plej internaciajn radikojn kaj gramatikalajn formojn.

Se do la ideo de Dro Zamenhof estas bonega, restas nur konstati, ĉu ĝi estas fakte aplikita. Bedaŭrinde oni ne povas tion jesi, sed tio ankaŭ tute ne malgrandigas la meritojn de nia Majstro, ĉar neniam estis aŭ estos kreita verko tuj perfekta en ĉiuj detaloj. Genia homo donas la ideojn, starigas la ĝeneralajn bazojn kaj ofte ankaŭ mem iomete perfektigas sian primitivan elpensitaĵon — sed nur per laboro de multaj aliaj homoj, per enkonduko de tiaj aŭ jenaj ŝanĝoj kaj plibonigoj, ĝi ĉiam pli kaj pli plenumas sian taskon. — Gutenberg certe ne rekonus sian unuan verkon, se li povus vidi la hodiaŭajn presilojn kaj tamen nur specialistoj konas la nomojn de ĉiuj, kiuj gradoze perfektigis lian verkon dume lia nomo por ĉiam trovos sin en la nomaro de plej geniaj elpensintoj.

Alie ankaŭ ne povus esti. Ĉiu aparta homo havas nur limigitan konon de ĉio, ĉar eĉ inter specialistoj ekzistas de nove pli malgrandaj aretoj da specialistoj; des malpli do oni povas esperi, ke en tiel vasta kampo, kia estas la lingvoscienco, iam ajn iu konos ĉiujn detalaĵojn necesajn. Ne sufiĉas ja paroli kelkajn lingvojn, ĉar internacia lingvo ne estas difinita por la uzo de nur kelkaj nacioj, kaj pro tio nur per sincera kritiko kaj komuna kunlaborado de diverslingvanoj — sur unu bazo kaj laŭ unu plano — estos eble atingi kontentigan rezultaton, sed la honoro certe kaj prave apartenos ĉiam al iniciatinto kaj kreinto de fundamentaj principoj.

Metante por ia tempo flanken la esperantan vortaron, ni vidu, ĉu kaj laŭ kioma grado la gramatikaj formoj kontentigas la principon de plej granda internacieco kaj per tio la postulon de facileco.

Kiel signon de multenombro elektis Dro Zamenhof la finiĝon « -j » kaj... li ne povis fari alie, ĉar tiu ĉi estis la sola, kiu same estas aplikebla post la finiĝoj: -o, -a, -u kaj antaŭ la akuzativa finiĝo -n; ĝi estas krom tio konsonanto kaj tial la akcento en multenombro ne bezonos ŝanĝi sian lokon kompare kun unuonombro.

Tute alia estas la afero, se la adjektivoj ne bezonos akordiĝi en nombro kun substantivo (same kiel ili nune ankaŭ en sekso ne akordiĝas), se la pronomoj: tiu, kia k. c. ricevos la antaŭe montritan pli internacian formon kaj se ni alprenos la tute logikan regulon, ke oni formas multenombron per aldono de speciala finiĝo al la radiko, analogie kiel oni formas unuonombron per aldono de « -o » (por substantivoj). Ni ja ankaŭ ne formas adverbojn per aldonado de « -e » post la adjektivo finiĝo « -a » sed senpere post la radiko: bon-a, bon-e kaj ne: bona-e.

Post akcepto de tiu regulo, la litero « j » perdas sian monopolon kiel sola ebla finiĝo de multenombro kaj alia litero povas ĝin anstataŭi.

Fidelaj al la principo de plej granda internacieco, ni devas antaŭ ĉio ekzameni la naturajn (eŭropajn) lingvojn kaj tiam ni konstatos, ke el ĉiuj literoj la plej disvastigitaj por tiu celo estas « s » kaj « i ». Ilin ni ankaŭ retrovas (pro la sama kaŭzo) en preskaŭ ĉiuj el la plej bonaj konkurantaj artaj lingvoj kaj ni bezonas nur fari elekton inter tiuj du literoj.

La alpreno de « s » devigus nin ŝanĝi la tutan konjugacion (-as, is, os), dume per elekto de « i » ni bezonos serĉi alian finiĝon nur por la infinitivo. Tiaj estas do la motivoj, laŭ kiuj gvidis sin la anoj de Deleg. Kom., des pli, ke por la infinitivo ekzistas alia pli bona (ĉar pli internacia) finiĝo ol « i ». La novaj formoj: domo, domon, domi, domin estas samtempe eĉ dum rapida aŭ malzorgema parolado

pli facile diferencigeblaj reciproke, ol domo, domon, domoj, domojn, el kiuj speciale la lasta ofte estas malbone prononcata.

*La infinitivo.* Prenite la vokalon « i » kiel signon de multenombro, oni nature devis rekompenci la infinitivon kaj oni faris ĉi tion malavare donante al ĝi la tre feliĉe elektitan finiĝon « -ar ».

La konsonanto « r » karakterizas la infinitivon en la latina, franca k. a. lingvoj, nur la antaŭiranta vokalo ne estas en tiuj lingvoj la sama por ĉiuj verboj, ĉar ili havas po kelkaj konjugacioj. Ankaŭ en la artaj lingvoj ni trovas: ar (Idiom neutral k. a.) -er (Universal k. a.).

Se la Deleg. Kom. elektis « ar » por la infinitivo de estanteco, ĝi tion faris bone pripensinte, ĉar « a » estas en nia lingvo la signo de estanteco « (am*a*s, am*a*nta, am*a*ta) ; samtempe ĝi permesas formi infinitivojn de estinteco « amir » kaj de estonteco « amor », el kiuj la unua tre ofte estas bezonata, dume ni ĝin ĝis nun ne povis alie esprimadi ol per iom tro longa: esti aminta. »

Ni do havos la sistemon: amar, amas, amanta, amata — amir, amis, aminta, amita — amor, amos, amonta, amota; sistemon kompletan, facilan, regularan kaj tamen kunmetitan el internaciaj elementoj — unuvorte sistemon tiel bonan, ke ni eĉ ne revu pri alia sistemo pli perfekta.

La Del. Kom. rekomendas akcentizi tiujn infinitivojn sur la vokaloj: a, i, o. Tio ĉi (kvankam escepto el la regulo) fariĝis, ĉar multaj tion postulis kaj efektive oni ja en latina lingvo ne diras: ámar(e) sed amár(e), des pli en franca, en kiu la fina « e » estas muta.

Mi persone esprimus eĉ la deziron, por ke ankaŭ la indikativaj formoj estu same akcentizataj: amás, amís, amós, ĉar pro la nuna akcentizo: « ámas, ámos » oni (en Sudgermanio, en granda parto de Polonio k. c.) ofte tre malzorgeme kaj tro simile prononcas la finiĝojn: -as, -os.

Sed, ĉar la Del. Kom. ne intencas « sanktigi » sian gramatikon, pro tio ĉiu regulo povos esti alprenita laŭ la deziro de plejmulto, se ĝi nur ne renversos la verajn principojn de lingvo: precizeco, facileco, simpleco, internacieco.

STANISLAV SCHELS,
T. 3747.

## DOKUMENTOJ.

pri la lingva demando.

### Grupo Esperantista de Castellon (Hispanio).

La Grupo Esperantista de Castellon en ĝenerala kunveno, kun la ĉeesto ankaŭ de la Castellon'aj anoj de la Universala Esperanto Asocio, post plene pritraktadi kaj diskuti detale la nunan lingvan demandon, kaj post aprobi leteron kiun la ĉi-tieaj S^roj^ Salvador kaj Aparici sendis la 5^an^ de Majo al S^ro^ Couturat, unuanime decidis :

1^a^. Esprimi sian simpation al ĉiuj amikoj de l' ideo de Lingvo Internacia.

2^a^. Mallaŭdi la malĝentilan konduton de kelkaj gazetoj esperantistaj kontraŭ la Delegacio kaj ĝiaj personoj.

3^a^. Esprimi plenan konfidon rilate al la lingva aŭtoritato kaj kompetenteco de la Delegacia Komitato.

4^a^. Konfirmi la aliĝon senditan al S^ro^ Michaux, kaj proponi samtempe ke, por kunigi ĉiujn amikojn de Lingvo Internacia, la projektata Akademio enhavu, tiel kiel eble, D^ron^ Zamenhof, la plej kompetentajn esperantistojn, filologojn, scienculojn, kaj aŭtorojn de aliaj sistemoj de Lingvo Internacia.

5^a^. Peti al D^ro^ Zamenhof ke korespondante al la ĝentila homaĵo de la Delegacio, li konsentu la nomon « Esperanto » por la reformo.

6^a^. Sin turni al D^ro^ Zamenhof kaj al la Centra Oficejo petante baldaŭan solvon de la nuna krizo, interkonsentante kun la Delegacia Komitato.

7^a^. Dum oni atendas interkonsenton kaj definitivan decidon, konservante la nunan Esperanton, akcepti ankaŭ la Lingvon de la Delegacio.

8^a^. Rezervi al si la rajton por, en okazo de neinterkonsento, tiam alpreni kun libereco novan decidon.

9^a^ Peti al la Esperanto-Konsulo, S^ro^ Salvador, Delegito de la Universala Esperanto-Asocio, ke li bonvolu sciigi al ĝi tiajn decidojn, kaj proponi la 6^an^ kaj 7^an^ al la aprobo kaj akcepto de la U. E. A.

10^e^. Sendi kopion de la jena al D^ro^ Zamenhof, al la Delegacio, al la Centra Oficejo kaj al la Hispana Societo p. p. Esperanto.

*Castellon, la 20^an^ de Julio de 1908^a^.*

La Prezidanto, LUCAS IZQUIERDO. — La Sekretario, JUAN ANTONIO NICOLAU.

La Delegito de U. E. A.,
JOSÉ SALVADOR FERRER,
Esperanto-Konsulo.

---

SRINAGAR, KASHMIR,
India.
*La 6^an^ VII. 08^a^.*

*Al S^ro^ redaktoro de " La Belga Sonorilo "*

Estimata Samideano,

Mi tre dankas vin, ke vi tiel ĝentile skribis poŝtkarton al mi. Mi bedaŭras, ke estus tro kosta represi viajn bonegajn artikolojn pri « Deveno en Esperanto ». Mi tre atente legis ilin, kaj nun mi relegas ilin. Studante ilin, mi multe lernas, mi tre dankas vin, ke vi publikis ĉi tiujn artikolojn.

Kvankam mi estas fervora Esperantisto, mi tre deziras, ke la Esperantistaro baldaŭ alprenos multon de la bonaj proponoj de Ido. Antaŭ nelonge mi ricevis la martan numeron de Progreso kaj vortaron. Mi promenadis tagon kaj kunprenis kun mi la rozajn foliojn, kaj mi certigas vin senfanfarado, ke post unu horo mi multe lernis pri la gramatiko, vortfarado, kaj la lexiko di la gramatikala vorti. Vi kaj S^oj^ Couturat kaj Leau havas nediskuteblan rajton fari kion vi volas. Mi bedaŭras, ke la gazetoj « mensogis », kiel vi diras, pri la temo. Mi lernis Esper-

anton tute sola en Kaŝmirujo sen ia helpo de Esperantistoj, poste mi instruis ĝin al mia edzino. Ni ambaŭ plenumis la ekzamenojn de Brita Esp[a] Asocio. Neniam ni renkontas Esperantistojn, sed ni interparolas Laŭ mia opinio, oni povas legi kaj skribi la lingvon tre bone, sed tre eble ne povas paroli ĝin, sen niaj anglaj « haw-haw-haw » post ĉiuj du-tri vortoj.

Denove dankante vin, volu ricevi, Sinjoro, mian koran saluton.

Tre sincere, via sindonema samideano,

H. HART.

## LINGUO INTERNACIONA

## E. S.

—

### Laborista Esperanto-grupo en Dresden-Striesen (Germanio)

Pos parolado da sioro Robert Auerbach e plena diskutado, l' ani di la laboristala Esperanto-grupo en Dresden-Striesen decidis adoptar la Linguo di la Delegitaro.

Li deziras korespondar eu E. S. kun samideani.

*22 Julio 1908.*

La sekretaryo.

GEORG. MÜLLER,
Wittenbergstr. 74, III,
Dresden-Striesen.

### La persono e sa laboruro.

Dum kelka monati influoza jurnalo esperantal fulminas kontre bone honorata Esperantisto ed akuzas il pri omnaspecal krimini, quin ol deklaras ke il facis, e to nur eventis, pro ke il esis opinionata Ido.

To plenigis me per astoneso e me devis pozar a me la questiono sequanta : Kad la laboruro e la persono, qua facis ol, esas identa o simpatias tam,ke on devas opinionar ol malbona, nam ke il esas to ?

Me komparis. Supozez, ke granea mortigisto en la karcero inventus irgo, quo havus konsequantaji grandega por la homaro. Kad ni, segun l' opiniono di Lingvo Internacia ne devas uzar la inventuro irgequante ol ezez bonega, nam l' inventinto esas homo malaminda ? Yes : respondas kompreneble omni.

Sed kande « ex-jesuito » (rimarkez la titolizo, quan on donis) inventas lingual projekto,lor on kompreneble devas informeskar pri omna sa moral qualesi, on devas kompozar tuta romani pri il por povar judikar sa linguo ! (?????)

Kad on ne vidas quanta grosa eroro on facas ? Okad on savas la eroro, sed volas celar ol. Ni vere povas postular respondo a ta questiono :

*Kad la redaktantaro di « Lingvo Internacia » ne povas diferencigar la persono e sa laboruro ?*

F. V. BACHSTRÖM,
v. sekr. di Klub, Esp. en Upsala.

### Esperantista Grupo EN KARLSRUHE.

*Karlsruhe, 19 Junio 1908.*

—

La Esperantista Grupo en Karlsruhe adoptis pos longa diskutado en sa monatala kunveno di ca-dio, per unavoca voto, la sequanta rezolvo :

1. La grupo opinionas, ke la linguo internaciona publikigata da la Delegitaro por Adopto di Linguo helpanta internaciona esas ca-tempe la max bona solvo di la problemo.

2. La generala acepto di ca solvo da omna adheranti di l' ideo di Linguo Internaciona Helpanta helpus max rapide la venko di l' ideo ipsa, segun l' opiniono di la grupo.

3. La grupo esas gratudoza a la Delegitaro e precipue a sa Komitato pro la ciencoza laboro, quan ol facis sur la bazo di la principi aplikita da D-ro Zamenhof en Esperanto primitiva, e precizigita da S-ro Couturat en « Etude sur la Dérivation en Esperanto » e da Ido en « Les Vrais Principes de la Langue auxiliaire ».

4. La grupo agnoskas la kompetenteso e neutreso di la Delegitaro e di la konstanta Komisitaro.

5. La grupo esas konvinkita, ke per la supra quar punti ol expresas l' opiniono di omna vera amiki di l' ideo di Linguo Internaciona Helpanta.

6. La grupo esperas, ke ta societi e grupi, qui, seducita per malvera e nepreciza raporti di kelka konservema chefi, sive ekiris ek la Delegitaro, sive protestis kontre da decidi, konocos balde sa eroro, e kompensos ol per kontra, plu justa e plu yusta rezolvi e decidi.

La prezidanto :
L. MAINZER.

La sekretaryo :
W. WIRNSER.

La vic-prezidanto :
KARL A. JANOTTA.

### Esperantista Grupo en Eppan.

« Pos parolado hodie facita da Sioro Robert Auerbach pri la reformi efektivigita en Esperanto da la *Delegitaro por Adopto di Linguo helpanta internaciona*, la ani di la *Esperantista Grupo en Eppan* (Tirolo) unvoce decidis :

1. De nun propagar nur la linguo di la Delegitaro ;
2. Rigardar la Komitato di la Delegitaro quale autoritato en linguala questioni ;
3. Adherar a la Delegitaro, e
4. Delegar sa prezidanto Sioro Auerbach quale riprezentanto.

La Sekretaryino,
HEDWIG BOLZENDAHL.

La Prezidanto,
ROBERT AUERBACH.

*Eppan, 16ma di Junio 1908.*

## LECIONO DE EKONOMIO.

Reĝo, tro kurioza pri ĉio, kiu estus okazinta en la kortego kaj ĉirkaŭaĵoj, sciis ke servisto de terkultivo kaj de maljuna aĝo, estis jam fama per sia trankvileco kaj gajeco, kvankam li ne posedis pli da havo ol du realojn de ĉiutaga gajno kaj havis multan familion. La monarko volis koni tiun fenomenan homon kaj dum ia vespero, li surprizis lin per neatendita vizito.

— Mi deziris koni al Vi...

— Ĉi tie mi estas, Moŝta Reĝa Sinjoro.

— Oni diras al mi ke vi estas ĉiam gaja.

— Ĉiam, ĉiam...

— Ke vi nur havas du realojn kiel ĉiutaga gajno!

— Estas vere.

— Ke vi havas familion!

— Sufiĉan.

— Kaj, kiel sufiĉas al Vi tiel malgrandan salajron?

— Malgrandan?... mi havas edzinon, du filojn, filinon kaj tre maljunajn gepatrojn.

— Kaj sufiĉas al vi la gajnon?

— Per ĝi, tiel kiel ĝi estas, mi provizas miajn obligaciojn, mi pagas prokrastitajn ŝuldojn, mi metas monon sub kredito, kaj eĉ mi malŝparas iom...

— Ĉu vi estas malsaĝa?

— Ne... Moŝto Reĝa.

— Sed, se vi ne klarigas al mi tiun ĉi enigmon, mi ne kredos al Vi, ĉar tio estas neeble.

— Estas tre simpla : mi provizas miajn obligaciojn ĉar mi kaj miaj parenculoj vivas kaj manĝas per du realoj ĉiutage; mi pagas prokrastitajn ŝuldojn ĉar mi nutras miajn gepatrojn kaj fine mi malŝparas iom da mono, ĉar mi nutras filinon kiu, dum estonta tago, forlasos al mi kaj mi havas filojn en kia instruado mi metas monon sub kredito...

Tro mirigita por la subtileco de tia homo, ŝajne kampara, li pensiis lin sufiĉe, kaj la kroniko rakontas, ke tre ofte lia Moŝto demandis al li siajn konsilojn.

*El la hispana lingvo tradukis,*
L. E. S. C.

---



## NOVAJ ĴURNALOJ.

Ni ricevis la sekvantajn novajn ĵurnalojn al kiuj ni deziras bonvenon en la Esperantista Presaro :

*The Esperanto Student*, published at 22 Meadow Road, Rutherford, N. J. (U. Ŝ. Amerikaj). John H. Brown, Editor and Publisher.
Prezo : 50 cents a Year.

*Internaciona Socialisto.* Revuo pri socialismo e progreso, redaktata en la Linguo di la Delegitaro. Redaktanto : Hendriko Peus, Dessau, Anhalt (Germanio).
Prezo : 12 exempleri kustas un marko.

*Esperanta Abelo* de A. Tellini en Bologna (Italio).

*L'Informilo.* Feuille trimestrielle de propagande et d'information. Rédaction et Administration : 8, rue de Rome, Calais, France. (Senpaga por la Francaj grupanoj).

*The Australian Esperantist.* A monthly Journal devoted to the interests of Esperanto by R. Dossor, Bridge Street, Benalla, State of Victoria (Aŭstralio).
Prezo : jare 3 ŝil.

*Hispana Revuo*, Esperanta ilustrata monata gazeto, redakcio ĉe Sro Josefo Menendez, strato Echegaray, 17, 1. Madrid (Hispanio).
Prezo : fr. 3.25 jare.

*Informaj Raportoj.* Oficiala organo por la ligo de germanlingvaj austriaj grupoj esperantistaj, eliras sesfoje dum jaro. Jara abono K. 2.40 (1 Sm.).
Administracio : K. F. Ahlgrimn, Wien VII/1 Bandgasse, 31.

---

## BIBLIOGRAFIO.

*Ĉe « Roma Esperantisto »*
*198, Via Babuino, Roma.*

**Jarlibro de Italaj Esperantistoj.**
adresaro, Aŭgusto 1908 . . . . . . . L. 0.75 Sm. 0.30.

*Ĉe Hachette et Cie*
*79, Bd St-Germain*
*Paris.*

**Tutmonda Jarlibro Esperantista por 1908** enhavanta la adresaron de Dro Zamenhof.
Prezo . . . . . . . . . . . . . . Fr. 2.00 Sm. 0.80

**La Psalmaro** el la Biblio, el la originalo tradukis Dro L. L. Zamenhof.
Prezo. . . . . . . . . . . . . . Fr. 2.50 Sm. 1.00

**Ĉu li** romano originale verkita de Dro Vallienne.
Prezo. . . . . . . . . . . . . . Fr. 4.00 Sm. 1,60

**Du mil novaj vortoj** ĉerpitaj el la Verkaro de Dro L. L. Zamenhof kun sep naciaj tradukoj ; ellaboris Paul Boulet.
Prezo. . . . . . . . . . . . . . Fr. 1.50 Sm. 0.60

**Muzika terminaro** de F. de Ménil.
Prezo . . . . . . . . . . . . . . Fr. 0.60 Sm. 0 24

**Laŭroj** kolekto de la orginalaj verkoj premitaj en la unua literatura konkurso de « La Revuo ».
Prezo. . . . . . . . . . . . . . Fr. 2.00 Sm. 0.80

**Frazaro** de Henri de Coppet.
Prezo. . . . . . . . . . . . . . Fr. 1.00 Sm. 0.40

## Belgaj Ligaj Grupoj.

**Antverpena Grupo Esperantista.** Prezidanto : Dro Raym. Van Melckebeke, 22, avenue des Arts, Anvers.
Sidejo : Taverne Royale, 39, place Verte, Anvers.

**Pioniro**, Esperantista Brusela Grupo. Prezidanto : Sro Lucien Blanjean, 159, rue Louis Hap, Bruxelles.
Sekretario : Sro Octave Chalon, 34, rue Van Ostade, Bruxelles.

**Esperantista Societo**, en Verviers. Prezidanto : Sro Edouard Mathieu, 45, rue de la Montagne, Verviers.
Sidejo : 9, rue Xhavée, Verviers.

**Grupo Esperantista**, en Huy. Prezidanto : Sro Thiry, commissaire-voyer, Huy.

**Bruĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro A.-J. Witteryck, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

**La Semanto**, Grupo en Laeken. Prezidanto : Sro H. Calais, 23, rue du Chemin de fer, Bruxelles.

**Esperanto**. Cercle d'étude de langues, Spa. Prezidanto : Sro Decq, inĝeniero, direktoro de la Banejo.
Sekretario : Sro Grosjean.

**Karloreĝa Grupo Esperantista**, Charleroi. Prezidanto : Sro L. Delvaux, profesoro, 31, rue de l'Athénée.
Sro Wagner, Bd Pierre Mayence, 12.

**Booma Grupo Esperantista**, en Boom. Prezidanto : Sro Jules Clerbaut.
Sekretario : Sro Camille Bal, 53, Kerkstraat.

**La Verda Stelo.** Prezidanto : Sro Fr. Schoofs.
Sidejo : Café Zomerhof, 32, place de l'Aurore, Anvers.

**Bonveno**, en Ixelles. Prezidanto : Sro M. Cardinal.
Sidejo : Taverne Dubois, pl. Ste Croix, Ixelles.

**Berchema Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro prof. Ant. Havermans.

**La Verda Flago** en Mariaburg. Prezidanto : Sro Fr. Willemsen.
Sidejo : Herberg Krüger, Marialei, Mariaburg.

**Amikejo** en Moresnet Neutre. Sekretario : Sro Charles Schriewer.

---

## Aliaj Belgaj Grupoj.

**Section Espérantiste**, du Cercle Polyglotte de Bruxelles, rue Ravenstein, Bruxelles.
Prezidantino : Frino A. Greiner.

**Lieĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro E. de Troyer, 28, Rue César Franck, Liége.

**Grupo de la garnizono**, en Namur. Prezidanto : Sro Bisman, Kapitano de la 13a linia regimento.
Sidejo : Hôtel de Hollande, Namur.
Sidejo : Café Limburgia, rue Beernaert, Berchem.

**Espero**, Lieĝa Esperantista Societo. Prezidanto : Sro F. Spies, 5, rue sur la Fontaine.
Sekretario : Sro G. Sloutzky, 34, rue Nysten.

**Woluwa Blindulgrupo Esperantista.** Sidejo : Institut Royal des Sourds-Muets et des Aveugles, 72, Avenue Georges Henri, Bruxelles.

**Namura Stelo**, en Namur. Prezidanto : Sro J. Detry.
Sekretario : Sro Verbeken.

**Esperanta Sekcio** du Cercle linguistique de la maison de Melle.
Prezidanto : Sro Paul Motte à Melle-lez-Gand.

**Excelsior** en St Trond. Prezidanto : R. P. Decoene, redemptoristo.

**Seilla Grupo Esperantista** en Seilles. Prezidanto : Sro Jean Magis, komunuma instruisto.

**Stelo Matena** en St Trond. Prezidanto : Sro Fo Brauer.
Sekretario : So Fo Ludoviko, institut St Trudon.

**Grupo Esperantista**, en Duffel. Prezidanto : Dro L. Jacobs, Duffel.

**Liera Grupo Esperantista.** Sekretario : E. O. Vermeiren, Lierre.

**Aliaj Grupoj** en St. Gilles, Malines, Andenne, Louvain, Renaix, Gembloux, Nivelles, Tongres, k. c.

---

# ATENTU!

La lerta homo, kiu pretendis fari tiom da aferoj kiom li volis sen ia anonco, ĵus perforte devis akcepti nepre helpon de anoncoj; la afiŝo estas titolita:

AŬTORITATA VENDO PRO JUSTECO.

L'homme habile qui prétendait faire autant d'affaires qu'il voulait sans aucune publicité, vient d'être forcé de recourir aux annonces quand même; l'affiche est intitulée :

VENTE PAR AUTORITÉ DE JUSTICE.

*(American Druggist).*